# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 01/10/2013 Cent trideksepa Eldono 02/11/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 260** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl✚alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

## EL ĈINIO 中国武汉 **Roĝer vizitas Ĉinion ĝis 27a Novembro 2013**

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

En Ĉinio mi ne sukcesis aŭskulti la retradion aŭ vidi la bildon
En Aŭstralio vi ĝoje kapablas aŭskulti.

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed »




## Propaganda sekcio






**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas rakonti pri Esperanto en sia elsendo "The Feed"

Jeannette Francis (REPORTER/PRODUCER – The Feed SBS2) Richard Delamore kaj Kiah Morante parolis en Esperanto.




AE atendas ĝisdatan

informon. Eble post du semajnoj (informis Jeannette)

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra

# Lingvaĵo La Komplementoj.



En antaŭa gramatika klarigo mi montris, ke ĉiuj el la nur kvar propozicipartoj (parts of the sentence) havas vorton kiu estas la kerno de AŬ Subjekto AŬ Predikato AŬ Objekto AŬ Adjekto (povas esti pluraj). Tia kerno povas esti ĉia kategorispeco (Substantivo, ktp). Mi menciis ankaŭ, ke tian kernan vorton povas difini aŭ pliklarigi aŭ iomete signifŝanĝi iuj ajn el diversaj Komplementoj. Notu ke la Predikato komplementas la Subjekton, kaj ke la Objekto kaj la Adjektoj komplementas la Predikaton kun ĝia Subjekto, sed en Esperanta gramatiko ni ne nomas tiujn "komplementoj", sed simple Propozicipartoj (kioj ili estas). Do ĉiu Komplemento estas en Esperanto parto de iu Propoziciparto.

Ekzistas tri malsamaj Komplementoj 1) la Epiteto, 2) la Suplemento, kaj 3) la suborda propozicio (Subpropozicio). La Epiteto estas kutime adjektivo aŭ adverbo senperaj (= ne toleras prepozicion). La Suplemento havas, aŭ povas ĉehavi, prepozicion. La Subpropozicio povas aperi ankaŭ en reduktita formo (Ekz. "Tiuj portretoj, KIUJN KOPII NUN. estas en tiu ŝranko"). Cetere ankaŭ la propoziciparto povas esti Suborda Propozicio anstataŭ simpla kernvorto (ekz. "Mi trovas malfacila, KOPII TIUJN PORTRETOJN").

Ĉiu Komplemento aŭ parto de Komplemento povas ĉehavi sian propran Komplementon, ekz. "Mi renkontis la filon (= objekta kernvorto) de la patro (= Kompl. ĉe la Objekto), KIU (PATRO) DEZIRAS INTERVJUI MIN" (= parto de la Objekto ĉar Komplemento ĉe "patro").

Notu fine, ke laŭ sciencaj serĉoj vi ricevos, se vi ricevos, la alchejmran malsanon, kvin jarojn pli malfrue, se vi studos miajn gramatikaĵojn. Do plia tialo por studi Esperanton, kaj studi ĝian arĥitekturon.

Marcel Leereveld.

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





# Jen novaĵeto el Adelajdo. multkultura festivalo







Margaret ridas

La 27-an de oktobro okazis en Mitcham, unu el la antaŭurboj de Adelajdo, multkultura festivalo. Ni sukcesis starigi tie Esperanto-standon, ĉe kiu deĵoris Trevor, Katja, Margaret kaj Sandor. Ne eblas raporti pri granda sukceso, ne multaj scivolis pri ni. Kelkaj el tiuj, kiuj tamen haltis ĉe ni, komentis: "Ĉu Esperanto ankoraŭ ekzistas?" En mia menso aperis la demando: "Kiom ofte ni montras nin al la neesperantista publiko? Se oni ne vidas nin, ne aŭdas pri ni, ĉu ne estas normale, ke oni supozu ni ne plu ekzistas?"

Amike, Katja

Ĉu vi havas solvon kontraŭ nia nevideco? Roger Springer. Eĉ ĉe AE multaj kluboj ne videblas.

# Ĵurnalo de la Dekdu Dioj



Saluton al ĉiuj

La kampanjo por ricevi financon por la libro Ĵurnalo de la Dekdu Dioj (angle: Diary of the Twelve Gods) finiĝos post naŭ tagoj. Mi simple deziras informi vin ĉiujn pri ĝia nuna progreso.

Interrete ni ricevis $474 USD, la subtenantoj (50%) precipe venis de Esperantistoj, la aliaj de diversaj grupoj.

Ne interrete ni ricevis $450 AUD, precipe de homoj konataj al mi kaj la familio (Neniu el tiu grupo estas Esperantistoj)

La libro jam havas eldoniston, kaj verŝajne aperos en Amazon post du monatoj.

La fejsbuka grupo gajnis 31 ŝatojn, sed ĝi ekzistis nur 17 tagojn, strange nur kvin sekvantoj de tiu grupo estas Esperantistoj. La aliaj precipe venis de la Vika kaj Paganisma komunumo (Wicca and Paganism) kaj duono venis de Usono.

Do kion signifas tio? Tiu-ĉi libro interesas la Vikan kaj Paganisman komunumojn, precipe pro ĝiaj spiritismaj konceptoj. La libro jam ne estas eldonita sed ĝi ja havas sekvantaron en komunumo, kiu kutime scias nenion pri Esperanto.
Ĝis Richard Delamore

# Kantvespero ĉe Adelajdo



La ĉijara kantvespero en la hejmo de Indrani okazis sabate, la 26-an de oktobro. Kiel kutime, la dommastrino estis bone preparita, sed havis iom malfaciligitan taskon, ĉar Bob, kiu helpadas en la muzikumado per







banĝoludado, malsaniĝis kaj ne povis veni. Malgraŭ tio ni multe kantis kaj ege ĝuis la kunestadon.
Bildoj montras Carol, Sandor, Indrani, Max, Eileen. sendis Katja

# Ĉina Manĝmaniero



La ĉinoj uzas manĝobastonetojn por manĝi. Vi ĉiuj sciis tion. Ili uzas ankaŭ ĉinan kuleron por supo. Mallonga profundeta argilaĵa aŭ plastika kulero. Necesas alia sperto por uzi ĝin, ĉar ĝi ne estas sama kiel aŭstralia kulero. Aŭ oni trinkas rekte el la pelvo.
Vi DEVAS forgesi ĉion de viaj gepatraj manĝkonsiloj ekzemple sidu rekte ĉe la tablo, fermu la buŝon por maĉi kaj ne metu manĝaĵon ekster la buŝo. Ne levu la pladon al la buŝo, ne uzu vian uzitan manĝilaron por preni aŭ doni manĝaĵon al vi aŭ aliuloj, ktp.
Oni preparas la manĝon taŭgan por la manĝmaniero de sia lando. Do ne eblas

uzi tranĉilon, forkon, kaj kuleron. Eĉ aŭstralia kulero ne helpas. La malgrandeco kaj profundo de la teleroj ne ebligas uzi aŭstralian manĝilaron. La manĝo estas sur komunaj pladoj kaj la personaj manĝobastonetoj forprenas elektitan manĝon.
Multbilionoj da homoj manĝas tiel. Kiu rajtas kritiki? Roger Springer

# La geedziĝo de la nevo de mia edzino, Mei

**Estas unu el la kialoj por ke ni vizitu Ĉinion**

300 gastoj, 50 servistoj, 4 bonvenigantaj violonistoj, granda hotela salono.







# “Cluetopia The story of 100 years of the crossword”.




Iuj el vi certe memoras, ke pasintjare ni havis la ĝojon konatiĝi kun David Astle dum la Brisbana kongreso. Post la kongreso mi helpis David trovi malnovajn krucvortenigmojn en Esperanto, ĉar li intencis verki libron pri krucvortenigmoj. Pro mia helpo mi ĵus ricevis donace ekzempleron de tiu tute nova libro kun la titolo “Cluetopia The story of 100 years of the crossword”. La libro estas en la angla lingvo, sed estas unu ĉapitro (4 paĝoj) kun la titolo (en Esperanto) Unua verso de tre konata poemo. En tiu ĉapitro David mencias interalie la poemon La vojo kaj ke estis krucvortenigmo en Literatura Mondo en 1935. Li skribas iom pri la historio de Esperanto kaj pri Zamenhof.



Amike, Nicole








Saluton,

# Peto de El Popola Ĉinio

Ĉu iu havas pensojn pri ĉi-tio? Ĉu iu jam respondis? Ŝajnas ke ili deziras interŝanĝadon de artikoloj pri ĝeneralaj temoj. Sed niaj retejoj kaj novaĵleteroj estas nur pri la E-movado.

Amike,
Jonathan Cooper

**From:** Pietro Fiocchi <pietrofiocchi7@gmail.com>
**Subject: Saluton el Pekino - El Popola ĉinio**
**Date:** 31 October 2013 8:28:26 PM AEDT

Karaj gesamideanoj,

antaŭ ne longe la esperantista retgazeto El Popola Ĉinio (www.espero.com.cn) publikigis komunikaĵon pri internacia kunlaborado, komencante per ŝanĝo de artikoloj inter la esperantistaj ret-gazetoj el la tuta mondo:

http://www.espero.com.cn/2013-10/18/content_30338055.htm

Poste ni povos pripensi pli ambiciajn kulturajn projektojn.

Estus bele se tia kunlaborado povus okazi inter El Popola Ĉinio kaj via retejo aŭ ret-gazeto.

Mi esperas ricevi baldaŭ vian respondon.

Samideane,

Pietro